# REGo

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* **№ 6 (37) decembro 2006**

**просто** **еще одна мечта**

**Если позволить себе помечтать...**

✓ и представить, что **все люди** на Земле, кроме родного языка знают еще и общий, **международный**

✓ и этот язык не принадлежит **ни одной нации**

✓ а выучить **“как родной”** его можно легко и очень быстро

✓ и говорить на нем **на равных** со всеми народами Земли...

*Всё лучшее на свете сначала было* ***мечтой****.*

**ЭСПЕРАНТО**

международный язык



***Moskvo, 2006***

# enhavo:





**REGo deziras al ĉiuj feliĉan Novjaron kaj esperas, ke ni restos kune ankaŭ en 2007!**


# REGo
## (Rusia Esperanto-Gazeto)

**№ 6 (37) decembro 2006**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

**abontarifoj por 2007:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 200 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

## ☺ AMUZAJ MISSKRIBOJ KAJ ERAROJ ☺

Jen estas kelkaj amuzaj eraroj kaj misskriboj, trovitaj dum legado de diversaj E-tekstoj, plejparte – artikoloj kaj informoj, senditaj por REGo: ***antusiasmo*** (anst. entuziasmo); ***bodeziro*** (anst. bondeziro); ***etis granda koncerto*** (anst. estis); ***fotostreĉo*** (anst. fortostreĉo); ***internlingvistika konferenco*** (anst. interlingvistika); ***kvartela*** (anst. kartvela); ***kuraĉisto*** (anst. kuracisto); ***mi pidras*** (anst. pigras); ***prijekto*** (anst. projekto); ***sekteto*** (anst. sekreto); ***sintento*** (anst. sinteno); ***sporhalo*** (anst. sporthalo); ***surflanke*** (anst. surplanke); ***trakukita*** (anst. tradukita); subskribo de oficiala informo de la Akademio de Esperanto: *La estraro de la Akademio de Esperanto interkonsente kun* ***la direktoro de la Direktoro*** *de la Sekcio pri la Ĝenerala Vortaro, Bertilo Wennergren.*

---

## APERINTA LIBRO MERITAS APARTAN ATENTON




**Михаил Бронштейн. Десять дней капитана Постникова** *(Mikaelo Bronŝtejn. Dek tagoj de kapitano Postnikov). Historia romano tradukita en la rusan. 368 p. "Impeto", Moskvo. 2007. Tradukis el Esperanto Anatolij Radaev, aŭtore redaktis Mikaelo Bronŝtejn, kovrilpaĝo de Vjaĉeslav Te, ilustraĵoj de Anastasia Baŝlikova. Eldonkvanto 500 ekz.*

Dum preparado de la eldono minimume du renomaj en Rusio esperantistoj plenserioze demandis min: "Kiu aĉetos tiun libron en la rusa? Ĉu entute indas tia eldono?". Eĉ nun, kiam la libro ankoraŭ ne atingis librovendejojn, mi povas respondi: "Jes, tia eldono indas". Komence kaj ĉefe, mi neniom dubas pri tio, ke la aŭtoro mem kaj la romano meritas okupi indan lokon sur la librobretoj inter ruslingvaj eldonaĵoj. Krome, la kvanto de legantoj en la rusa lingvo, sendube, estas nekompareble pli granda ol tiu de la esperantistaro, do kun la E-aŭtoro povas konatiĝi pli vasta aŭditorio.

Kompreneble, la prezento de E-literaturo por neesperantista publiko supozas apartan singardan elektan laboron por la eldonistoj. Antaŭ dudeko da jaroj unu el komencantaj E-verkistoj al mia demando, kial do li intencas verki en Esperanto sed ne en la rusa lingvo, sincere respondis al mi, ke en Esperanto ne ekzistas tiom streĉa konkurenco inter verkistoj, kaj pro tio atingi ian gradon de rekono estas multe pli facile ol en la rusa. Oponante nun al mia tiam ankoraŭ juna amiko mi volas noti, ke por vera verkisto ne ekzistas lingvaj baroj, kaj la prezentata libro estas por ni eĉ pli valora kaj kara ol ĝia esperantlingva ekvivalento. Pere de "Dek tagoj..." la eldonejo "Impeto" intencas montri kaj daŭre ekspluati la fakton, ke la E-verkistoj, almenaŭ kelkaj el ili, povas sukcese konkurenci kun la ruslingvaj aŭtoroj.

Ankoraŭ unu evento kiu koincidas kun la apero de "Dek tagoj...": decembre en kelkaj moskvaj vendejoj aperos du libroj en Esperanto: de la fratoj Strugackij "Lundo ekas sabate" en traduko de Mikaelo Bronŝtejn, kaj de Sergej Lukjanenko "La Nokta Patrolo" en traduko de Dmitrij Ŝevĉenko.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

# NOVAJ BELASPEKTAJ VARBILOJ



*afiŝo (A3)*



*faldfolio*

*REU eldonis 5 belajn kolorajn varbilojn. Bildojn de kvar el ili vi povas vidi ĉi tie, la kvinan (tio estas la bildkarto) – en la unua kovrilpaĝo de tiu ĉi numero. Pli detale pri la varbiloj bonvolu legi en la paĝo 11.*



*afiŝo (A4)*



*afiŝo por Lingva Festivalo (A4)*

## ENSPIRINDAS AER’ DE L’ MUZIKO…

Karaj esperantemuloj – ŝatantoj de l’ artoj kaj preferantoj de l’ primovadaj kunsidoj, artistoj kaj aplaŭdontoj, ĵurianoj kaj talentuloj konkursemaj, dezirantoj iom riĉigi propran sperton aŭ doni al aliaj ion el sia sperto, ardaj diskutantoj kaj atentaj aŭskultantoj, grandaĝaj kaj adoleskaj, aktivaj kaj ne tre – ĉiuj, ĉiuj, ĉiuj!

REU, REJM kaj Loka Organiza Skipo (LOS) invitas vin partopreni plian neforgeseblan aranĝon en Tiĥvin, eĉ du aranĝojn, okazontajn samtempe kaj samloke: la 25-an Rusian Esperanto-Kongreson (REK) kaj la 19-an artan festivalon “Esperanto – Lingvo Arta” (EoLA). Tiĥvin, en kies aero ĉiam ĉeestas refreŝigaj odoroj de altaj pinarboj, adstringaj juniperoj kaj admirinda muziko, vokas kaj atendas vin!

Tiĥvin estas antikva rusa urbeto (70 mil loĝantoj) kun eventoriĉa ĥistorio. Almenaŭ du lokoj vizitindas enurbe – la sescentjara vira monaĥejo kun belegaj konstruaĵoj kaj kun unu el sep miraklofaraj ikonoj, plej adorataj de la rusortodoksa eklezio, kaj la muzeo de Nikolaj Andrejeviĉ Rimskij-Korsakov, fama komponisto, kiu naskiĝis kaj loĝis en la urbo. Pro tiuj vizitindaĵoj Tiĥvin ĉiutage akceptas ĉ. milon da pilgrimantoj kaj ekskursantoj. E-klubo en Tiĥvin estis fondita en 1975.



*la tiĥvinaj esperantistoj kore invitas ĉiujn kaj promesas interesajn aranĝojn*

REK kaj EoLA okazos de la 6-a ĝis la 10-a de marto 2007, sed LOS akceptos alvenantojn jam la 5-an. (Kaj eble estos senco veni eĉ pli frue, se realiĝos la planoj okazigi en Peterburgo Lingvan Festivalon, kiun momente oni deziras organizi tuj antaŭ REK kaj EoLA. La gastoj estos tre bonvenaj partopreni kaj kontribui al tiu amasa porpublika aranĝo!) La kunsidoj, konkursoj, koncertoj kaj plejmulto el aliaj programeroj estas okazontaj en sporta bazejo de la vilaĝo Caricino Ozero, 7 kilometrojn for de Tiĥvin aŭ 190 kilometrojn for de la apuda Sankt-Peterburg. La urbo bone atingeblas per fervojo el Moskvo, Peterburgo, Uralo kaj Siberio. El Peterburgo eblas veturi ankaŭ perbuse.

La programoj de REK kaj EoLA estos paŝantaj pli-malpli paralele. Nepre okazos: la 23-a REU-Konferenco, antaŭvidanta elektojn de la novaj REU-Estraro kaj Prezidanto; seminarieto pri la kontaktoj inter ĝemelurbaj esperantistoj; seminarioj, metiejoj kaj konkursoj pri diversaj artoj; koncertoj de konataj Esper-artistoj kaj novicoj ekkonotaj; distraj vesperoj kun varma etoso kaj amika medio. Laŭeble kaj laŭdezire okazos: koncerto por urbanoj, ekskursoj, rosmara naĝado, skiado ktp.



*la monaĥejo*

La loĝado dum REK kaj EoLA kostos de 25 ĝis 200 rubloj por nokto depende de la kondiĉoj. Bona manĝo trifoja kostos 200 rublojn por tago. Mendeblos aparte maten-, tag- aŭ vespermanĝoj. La aliĝkotizo varias de 0 ĝis 250 rubloj depende de la aĝo, aliĝperiodo kaj membreco en REU.

Komuna poŝtadreso de LOS estas: Abonkesto 2, Tiĥvin-6, Leningradskaja oblastj, 187550 Rusio. Kontaktaj retadresoj: <maratono@rambler.ru> kaj <mamuto@rambler.ru>.

Kune kun tiu ĉi REGo ĉiuj abonantoj ricevos la unuan Informleteron pri REK kaj EoLA. Pliajn informojn eblos trovi en la retpaĝo, baldaŭ ekfunkcionta. Dume bonvolu viziti la paĝaron de Tiĥvina E-klubo <www.tiek.narod.ru> kaj la retejon de REU <www.reu.ru>.

## RENKONTIĜO DE AMIKOJ – 5

Novosibirska E-klubo invitas vin pasigi la tempon ĉe la lago Bajkalo en julio 2007. Partoprenu nian Renkontiĝon de Amikoj, kiu okazos jam la 5-an fojon, kaj ĝuu la sovaĝan naturon de ĉirkaŭaĵoj de la plej pura kaj profunda lago en la mondo.

Vin atendas la tradiciaj programeroj: E-kurso por komencantoj, konversaciaj rondoj por progresantoj, sportumado, kantado de E-kantoj. Oni ankaŭ proponos al vi ĉeval-rajdadon, naĝadon kun akvopulmo kaj piedirajn itinerojn.

Datoj: la 15-a – 22-a de julio 2007.

Loko: la bazejo "Bolŝie Koti" troviĝas je 90 kilometroj for de Irkutsk en pitoreska loko apud la lago, kaj proksime de ĝi estas vera tajgo, riĉa je fungoj, beroj, raraj floroj kaj bestoj. Nin atendas piediraj promenadoj kaj ĉevalaj itineroj. Unu el tiuj promenad-vojoj gvidas tra la pado, alia – al grandega seka arbo, la tria – laŭ la bordo de Bajkalo.



Prezoj: 240 – 350 rub. por tagnokto (por infanoj 120 – 170 rub.) depende de la kondiĉoj de loĝado.

Manĝado: memzorga, organizita de ni mem. Tamen estas diversaj ebloj por kuiri:

1.Vi pagos po 100 rub. tage kaj

manĝos kune kun ĉiuj laŭvice deĵorante apud la fajro (triope po du-tri fojoj dum la semajno).

2.Vi pagos al la mastrino de la bazejo por ke ŝi kuiru por vi.

3.Vi kuiros memzorge, sed nur kiam la fornoj kaj la fajro ne estos okupitaj.




Kondiĉoj: loĝado en 2-4-litaj ĉambroj, litaĵojn oni donos. Je nia dispono – teleraro, fornoj kaj malvarmigilo. Eksteraj necesejoj. Kontraŭ aparta mono oni disponigos banejon (70 rub.), boatojn kaj ĉevalojn. Ankaŭ estos eblo naĝi kun akvopulmo! Sed multekoste – ve! Estas ekstera komuna placeto sub la tegmento por programeroj.

Aliĝkotizoj dependas de la aĝo: 100 rub. – por la aĝo 0-14 jaroj, 200 rub. – por la aĝo 15-24 jaroj, 250 rub. por la aĝo 25 jaroj aŭ pli.

Aliajn detalojn, la aliĝilon kaj liston de la aliĝintoj vi povas trovi ĉe <http://ra.nsk.ru/>. Bonvenon!

***La Organiza Teamo***

## REMEMOROJ PRI RA-4



Somere 2005 mi bonŝancis partopreni la E-renkontiĝon “tRA Siberio”, kies fina parto estis dumsemajna restado ĉe Bajkal. Por mi tiu ĉi renkontiĝo iĝis unu el la plej neforgeseblaj en mia vivo. Ĉio tiam tre plaĉis al mi: kaj la belega pitoreska loko, kaj la mirinda lago Bajkal, kaj varia programo de la aranĝo kun ĝiaj poresperantaj kaj turismaj partoj; kaj la amika anima etoso, kiun mi ĝuis dum tiuj tagoj.

Pri la lago Bajkal revas ĉiuj turistoj, ĉar ĝi vere estas perlo de la Naturo. Verŝajne pro ĝia grandeco kaj vasteco oni ofte nomas ĝin maro. Laŭ la lagbordoj etendiĝas belegaj montaj ĉenoj, kovritaj per arbaroj.

Ni volonte surgrimpadis la montojn, promenadis laŭ arbaroj kaj kolektis fungojn, ĉiutage refreŝigis nin en la lago, plezure ŝipekskursis laŭ ĝi, observis belegajn marajn sunleviĝojn kaj sunsubirojn.

La partoprenantoj de la renkontiĝo plibonigis sian Esperanton en diversnivelaj E-kursoj, lernis E-kantojn, organizis komunajn vesperajn koncertojn, ludis lingvajn kaj diversajn ludojn, sportis. Mi persone varme rememoras niajn konversaciojn pri

lingva kaj diversaj aliaj temoj kun interesa persono Aleksandr Melnikov, konata esperantisto el Rostov-na-Donu.

Ni ĉiuj memstare laŭvice preparis manĝaĵon sur la fajro, kun granda apetito manĝis tiun eksterordinare bongustan manĝaĵon kune sidante ĉe granda tablo en la korto, ĉiam en la freŝa aero. Ofte ni povis regali nin per bongustegaj freŝbukanitaj fiŝoj, kiujn aborigenoj vendas tie kontraŭ moderaj prezoj.

Suno, maro, ĉiam blua ĉielo, montoj, freŝa aero – ĉio ĉi donas tian energion, kvazaŭ oni portempe estas alkroĉitaj al iu energifonto kaj estas plenigataj de mirinda percepto de vivĝojo.

Amikoj, mi al ĉiuj rekomendas ne preterlasi la okazon venontjulie viziti tiun ĉi unikan lokon, bone ripozi tie kaj partopreni la organizotan RA-5.

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

---

*Nikolaj Neĉajev (Irkutsk)*

## Mi iam revenos

Maje revenos poeto al maro,
Kiam forlasos la sonĝon burĝon',
Kiam aperos en floroj nektaro,
Kiam aperos pri amo bezon'.

Venos poeto somere al maro,
Kiam matenos en tajgo rozber',
Kiam eksonos tendare gitaro,
Kiam bronzigos la korpon veter'.

Venos poeto aŭtune al maro,
Kiam maturos en tajg' vakcini',
Kiam ekbuntos irize arbaro,
Kiam ekdancos aere foli'.

Iam revenos poeto al maro,
Ĉiam atendas poeton Bajkal'.
Mankas en mondo por veno la baro,
Urĝas al maro poet'-najtingal'.



---

Patro kaj filo, judaj komercistoj el la orienteŭropa vilaĝo, aĉetas varojn en la metropolo. La filo, vidante ke lia patro marĉandas kun la vendisto kaj akre disputas kun li pri ĉiu groŝo, demandas:

"Paĉjo, kial vi marĉandas tiel longe? Ja mi kaj vi scias, ke vi tute ne intencas honorigi la ĉekon kiun vi donos al li."

Respondas la patro: "Filo, mi estas honesta homo, kaj pro tio mi klopodas malgrandigi lian perdon."

***(juda anekdoto de Josef Shemer)***

## IOM DA HISTORIO

***okaze de la 115-jariĝo de E-movado en Fora Oriento***

*En 2005 la Vladivostoka E-klubo "Pacifiko" festis sian 25-jaran jubileon, sed la historio de E-movado en Vladivostok kaj Fora Oriento havas komencon pli-pli frue, kiam en 1891 Fjodor Postnikov, veninta el Sankt-Peterburg por militservi, fondis en Vladivostok la unuan Esperanto-grupon kaj en 1901 refondis ĝin kiel Vladivostokan filion de Sankt-Peterburga E-societo "Espero". Antaŭnelonge dum la matena programo de la ĉefa regiona radio konata esploristino Nelli Mizj rakontis pri kelkaj faktoj, ligitaj kun la E-movado en Vladivostok. La traduko, farita de vladivostoka eperantisto Gennadij Ŝlepĉenko, sekvas sube.*

***Aleksandr Titajev (Vladivostok)***

---

Unu el interesaj paĝoj de la multnacia historio de Vladivostoko estas ligita kun la internacia lingvo Esperanto. Esperanto-movado en Vladivostoko kunligis homojn de diversaj naciecoj kaj sortoj. Inter ili estis franco Viktoro Lebren, japano Futabatei Ŝimei, rus-devena usonano Fjodor Postnikov.



*Viktor Lebren*

Futabatei Ŝimei, fama japana verkisto kaj specialisto pri rusa literaturo, tradukinto de verkoj de Gonĉarov kaj Turgenev, vizitis Vladivostokon en 1902. Dum tri semajnoj li aktive kontaktis vladivostokajn esperantistojn kaj ĉiam partoprenis en iliaj kunsidoj, konversaciis kun konataj regionaj esploristoj kiel Lozickij, Lusakovskij. La renkontiĝoj ekscitis en li grandan intereson al la internacia lingvo. Poste, en 1906, li tradukis en la japanan lingvon "La Krestomation de Esperanto", verkitan de Postnikov. Dank' al la libro komenciĝis Esperanto-movado en Japanio. Futabatei Ŝimei plurfoje publicis pri Esperanto kaj propagandis ĝian pacifisman idealon.

Ano de Sankt-Peterburga societo "Espero" estis fama rusa verkisto Leo Tolstoj. Lia disĉiplo, franco el Vladivostoko,Viktoro Lebren dum la tuta vivo en Rusio, kaj poste en Francio, estis ligita kun Esperanto-movado. Viktoro Lebren estis filo de Anatolo Lebren, kiu naskiĝis en Parizo kaj en Francio ricevis diplomon de fervoja inĝeniero. Pli ol 30 jarojn li oficis en rusiaj fervojoj, okupis diversajn administrajn postenojn. Ekde 1893 Anatolo Lebren servis en For-Orienta regiono kiel helpanto de ŝtata inspektoro, aktive partoprenis en konstruado de fervojo, kiu kunligis Usurian regionon kaj Manĉurion. En majo 1899 li mortis en Vladivostoko.

En la urbo restis liaj filo Viktoro kaj edzino Luiza. Viktoro, 17-jara lernanto de gimnazio, tiutempe jam bone konis ĉiujn verkojn de Leo Tolstoj, profunde akceptis filozofion de la verkisto pri komuna amo kaj pacifismo. Konsternita pro morto de



*Futabatei Ŝimei*

sia patro, li skribis al Tolstoj okpaĝan leteron, en kiu petis konsilon – kiel plu vivi.

Post du monatoj en Vladivostokon alvenis bonkora kaj saĝa letero de la fama verkisto. Jen estas fragmento el la letero:

"Nekonata, juna kaj afabla amiko. Via letero atingis min dum mi malsana kuŝas surlite. Tamen mi volas almenaŭ kelkvorte respondi al vi, ĉar via sinceranima kaj kora letero impresis min. Vi demandis al mi kion fari, kiel aranĝi vian vivon. Al vi ŝajnas, ke ĝis kiam viaj novaj ideoj ankoraŭ ne realiĝis, ĝis tiam vi ne plenumis vian destinon, deflankiĝis de via devo. Ne rapidu realigi progresivajn opiniojn en via vivo, sed uzu ĉiujn animajn fortojn por ke la novaj ideoj profunde penetru kaj gvidu vin eĉ en la plej malgravaj viaj agoj. Se tio sukcesos, do malnovaj formoj de vivmaniero nepre transformiĝos (kvankam ni ne povas antaŭvidi en kiajn), kaj nepre ekregos novaj formoj. Tio similas kiam oni metas tro multe da hejtligno por ankoraŭ eta fajro. Do, anstataŭ grandigi la fajron, oni estingas tiun. Nur solan konsilon al vi: necesas ĉiam memori, kio estas la plej grava, sed kio ne tre. Kun viaj nunaj opinioj tre gravas grandigi amon ĉirkaŭ vi, kaj ne difekti tiun amon, kiu jam ekzistas. Mi ĝojas ke mi havas amikojn en For-Oriento.

Kun amo, Leo Tolstoj."

Viktoro Lebren ricevis la leteron en novembro 1899. En la sekva jaro li vizitis la bienon de la verkisto en Jasnaja Poljana kaj de tiu momento komenciĝis ilia persona konatiĝo kaj komuna laboro. Dum kelkaj jaroj Lebren servis kiel sekretario de Leo Tolstoj. Viktoro Lebren travivis interesan kaj neordinaran vivon. Li ĉiam sekvis konsilojn de sia majstro, vivtenis sin nur per propraj fortoj. Poste li fariĝis unu el plej spertaj abelistoj en Rusio, kaj post la elmigro en 1926 – la plej bona abelisto en Francio.

Li verkis kelkajn memorlibrojn, publikigis korespondaĵojn, kiuj enhavis 47 leterojn de Lebren al Tolstoj kaj 20 leterojn de Leo Tolstoj al li.

Viktoro Lebren mortis en 1979, sukcesinte festi sian 97-jariĝon. Pri li multfoje aperis publikaĵoj en rusia kaj franca gazetaroj. En 1969 la 87-jaraĝan Lebren vizitis



*Fjodor Postnikov*



*Leo Tolstoj*

hungara verkisto Erno Farkaŝ, kiu verkis la artikolon "Gastado ĉe sekretario de Leo Tolstoj". Jen eta fragmento el ĝi:

"Lebren, simile al sia fama majstro, plugas kaj bredas abelojn. Sed li ne estas ermito: li interesiĝas pri ĉio, kio okazas en la mondo.Vizitante urbon por produktaĵoj, li ne forgesas preni librojn el biblioteko, viziti entreprenojn de esperantistoj. Li restas fidela al tradicio de Leo Tolstoj, kiu estis ano de Sankt-Peterburga E-societo "Espero"."

Pasis ankaŭ 105 jaroj post kiam estis fondita la Vladivostoka filio de la peterburga societo "Espero". Nuntempe en la urbo ĉe la Societo de esplorado de Amura regiono aktive agadas E-klubo "Pacifiko", kiu havas vastajn internaciajn kontaktojn.

## LA 11-A LINGVA FESTIVALO EN ĈEBOKSARI




*la organizantoj de LF kaj esperantistoj-gastoj kunvenas en la Ĉeboksara E-centro*

La 11-a Lingva Festivalo sukcese pasis en Ĉeboksari la 22-an – 23-an de oktobro. La festivalon vizitis kelkcent lingvoŝatantoj, estis prezentitaj 43 lingvoj. Dum kelkaj antaŭaj semajnoj en Ĉeboksari kaj aliaj urboj de Ĉuvaŝio estis organizitaj diversaj akompanaj aranĝoj: Karavanoj (malgrandaj Lingvaj festivaloj) en lernejoj, diversaj konkursoj por studentaj teamoj, renkontiĝoj kun interesaj gastoj de la festivalo, venintaj el diversaj landoj, sciencaj konferencoj pri la temoj, ligitaj kun lingvoj kaj kulturoj, ekskursoj por la gastoj kaj multo alia.

Inter la gastoj, venintaj por la Festivalo, estis pli ol 30 esperantistoj el Uralo, Peterburg, Uljanovsk, Niĵnij Novgorod, Moskvo, eĉ el Hispanio. La moskvanoj havis specialan interesiĝon, ĉar planas okazigi meze de decembro la unuan LF en Moskvo. La organiza teamo de la LF (plejparte novuloj) laboris kiel kutime entuziasme kaj unuece. Kunordigis la laboron Alina Vasiljeva.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

## REU-ESTRARO KUNVENIS EN ĈEBOKSARI

La 21-an de oktobro en Ĉeboksari okazis Kunveno de la Estraro de REU. Ĉeestis Irina Gonĉarova (Moskvo), Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg), Jurij Karcev (Uljanovsk) kaj Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja, Ĉuvaŝio). Ne ĉeestis Nikolaj Gudskov (pro laboraj kialoj) kaj Andrej Peĉonkin (kiu ankoraŭ neniam reaperis post la elektiĝo dum la Konferenco en Jekaterinburg).



Partoprenis la kunsidon kaj ĝiajn diskutojn invititaj aktivuloj: Aleksandr Blinov (Ĉeboksari), Garik Kokolija (Moskvo), Konstantin Viĥrov (Ĉeboksari), Aleksandra Sudakova (Dimitrovgrad).

Ĉefe temis pri aktivigo de la kluba laboro kaj la vojoj subteni lokan movadon. Interalie, estis akceptita la propono, ke REU eldonu aron da koloraj E-varbiloj.

Krome, oni decidis pri la loko de sekvaj REK (Rusia Esperantista Kongreso) kaj arta festivalo EoLA: ilin gastigos Tiĥvina E-klubo en marto 2007.

***(esperanto-rus-informoj)***

## PLI GRANDA MEMBRARO EN 2006

En 2006 (laŭ la stato por 01.12) REU allogis pli da membroj ol dum ajna alia jaro de tiu ĉi nova jarmilo – 286 personojn, i.a. du novajn dumvivajn membrojn.

La membrokresko en REU okazis preskaŭ senĉese ekde 2000, kiam en la REU-Konferenco dum Rusia E-Kongreso en Ĉeboksari estis elektita “reforma estraro”. En tiu jaro estis lanĉita REGo, antaŭplanita RET kaj okazis multaj aliaj ŝanĝoj.

La diferenco inter la statistikoj por 2005 kaj 2006, honeste, estas simbola – nur du personoj. En 2006 REU ne sukcesis okazigi grandajn aranĝojn, ne zorgis aparte pri varbado... la tuta atento estis dediĉita al “strukturaj” ŝanĝoj. Sed, espereble, en 2007 ni atestos pli grandan kreskon, rezultantan el bone faritaj preparlaboroj por la sekvajaraj agadoj.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## MALFERMA TAGO EN NOVA MEDIO

Prof. John Wells, iama Prezidanto de UEA, estis la ĉefa gasto en la Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA sabaton, la 25-an de novembro. Tiu ĉi populara aranĝo, organizita jam la 25-an fojon, allogis 125 vizitantojn el 14 landoj. Unuafoje ĝia programo disvolviĝis en la nova konferencejo de la UEA-domo. La nova, bela aspekto de la antaŭa bibliotekejo kaj de la tuta rekonstruita unua etaĝo rikoltis multe da laŭdoj de la vizitantoj.

La ĵusa emeritiĝo de John Wells inspiris lin elekti kiel temon de sia prelego "Rigardi malantaŭen, rigardi antaŭen", sub kiu li rakontis pri sia vivovojo persona, esperantista kaj profesia. Salutojn el Japanio portis Usui Hiroyuki, kiu kontribuis per du programeroj. Li parolis pri la kongresa temo de la Jokohama UK, "Okcidento en Oriento: akcepto kaj rezisto", kaj faris personan omaĝon al la forpasinta William Auld, kies poemojn li japanigis. Usui precipe kaptis la publikon per verva deklamo de la Auld-a poemo "Ebrio". Grandan intereson vekis ankaŭ la prezentoj de du novaj eldonaĵoj: tiu de d-ro Ziko van Dijk (antaŭe Sikosek) pri sia disertaĵo pri la politika historio de UEA kaj de Stano Marĉek pri sia rektmetoda instruilaro de Esperanto. Fine de la tago la publiko havis okazon diskuti dum unu horo pri aktualaĵoj de la UEA-agado kun kvar estraranoj, i.a. Prezidanto Renato Corsetti.

La libroservo spertis viglan tagon. Kiel ĉiam, pleje furoris novaj eldonaĵoj. La unuan lokon okupis "Lingvo kaj popolo" de Humphrey Tonkin, de kiu vendiĝis 14 ekzempleroj, kaj la duan – "La lastaj tagoj de Ada, Aduŝka" de Gian Carlo Fighiera (10 ekz.). Po 8 ekz. estis venditaj la germanlingva disertaĵo de Sikosek ("Die neutrale Sprache") kaj la lernolibro de Marĉek ("Esperanto per rekta metodo"). De du akompanaj materialoj de la kurso de Marĉek, kompakta disko kun 500 bildoj kaj DVD kun aŭdvida konversacia kurso, estis venditaj po 4 ekz., same kiel de "La princo" de N.Machiavelli kaj de la nova eldono de la Biblio. Entute la libroservo vendis librojn kaj aliajn varojn por la suma valoro de 2784 eŭroj.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## NI REMEMORIS PRI EKSAJ MEMBROJ

Komence de decembro moskvaj REU-aktivuloj, kunordigitaj de Mikaelo Ĉertilov, dissendis ĉ. 200 paperpoŝtajn leterojn kun informoj pri REU kaj ĝia agado al eksaj membroj kaj aliaj aktivuloj, kiuj ne membris en la Unio en tiu ĉi jaro. La kampanjo estis proponita (de V.V.Samodaj) ankoraŭ dum la REU-Konferenco en 2005, sed pasintjare ĝi ne okazis pro teknikaj kialoj (tiam REU ankoraŭ ne havis datumbazon de la membroj, nur apartajn listojn). Kune kun la REU-aliĝilo por 2007 oni ricevis la unuan informleteron pri RET-07.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## KOMENCIĜAS LA ELEKTOJ EN UEA

Per oficiala alvoko pri kandidatoj por la elekto de komitatanoj B, en la novembra numero de la revuo "Esperanto", komenciĝis la renovigo de la gvidorganoj de UEA por la trijara oficperiodo 2007-2010. La procezo kulminos en la Jokohama UK per la elekto de la UEA-Estraro fare de la Komitato, kies nova konsisto ekofi-

cos en la sama UK. La komitatanoj B reprezentas en la supera organo de la Asocio la individuajn membrojn. Oni elektos unu komitatanon B por ĉiu komencita milo da individuaj membroj laŭ la nombro en la antaŭelekta jaro. En la nuna Komitato estas ses komitatanoj B, sed en la nova Komitato estos por ili sep lokoj, ĉar intertempe la individuaj membroj denove nombras pli ol 6000.

Minimume dek individuaj membroj de UEA, kiuj reprezentas minimume tri landojn, rajtas proponi kandidaton. Tiu ĉi devas skribe akcepti la kandidatigon kaj deklari siajn movadajn celojn. La akcepto kaj deklaro rajtas kune ampleksi maksimume 150 vortojn. La kandidatigoj devas atingi la Centran Oficejon de UEA ĝis la 28-a de februaro 2007. Validaj estas nur dokumentoj kun originalaj subskriboj. Retpoŝta aŭ faksa sendo de kandidatigoj ne estos valida. Se la nombro de kandidatoj superos sep, la individuaj membroj elektos la komitatanojn B per poŝta balotado.

En la antaŭkongresa periodo estos elektataj ankaŭ la komitatanoj A por reprezenti la aliĝintajn landajn kaj fakajn asociojn, kiuj havas minimume 100 membrojn. La aliĝintaj asocioj kun malpli ol 100 membroj rajtas nomumi observanton. La komitatanoj A kaj B rajtas kompletigi la Komitaton elektante komitatanojn C, kies partoprenon en la Komitato ili trovas utila pro iliaj specialaj spertoj kaj kapabloj. La nombro de komitatanoj C povas esti maksimume kvarono de la nombro de komitatanoj A kaj B.

La elektadon de la komitatanoj B gvidas la Ĝenerala Direktoro, de kiu interesitoj povas peti informojn kaj konsilojn pri la proceduro. Li ankaŭ donos instrukciojn al la aliĝintaj asocioj pri la elekto de komitatanoj A kaj observantoj. La elektadon de komitatanoj C kaj de la Estraro gvidas la Elekta Komisiono, kies membroj estas Istvan Ertl (Luksemburgio), Janez Jug (Slovenio), Lee Chong-Yeong (Korea Respubliko) kaj Edvige Tantin Ackermann (Italio).

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## REJM RESTOS EN REU

Kiel informis novelektita estrarano de REJM Vitalij Malenko, dum REJK oni decidis ne reapartigi REJM-on de REU. (Ni memorigu, ke REJM aliĝis al REU nur antaŭ unu jaro, meze de la tiama struktura krizo, kiu nun kredeble finiĝis).

Do, ambaŭ organizoj konservos unuigitan membraron, kvankam REJM planas ekhavi ankaŭ apartan membrecon – por tiuj gejunuloj, kiuj ne membras en REU.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## JARLIBRO-2006 APERIS

La Jarlibro de REU aperis relative malfrue, sed kiel kutime la avantaĝo estas tio, ke la membrolistoj por 2006 estas plenaj aŭ preskaŭ plenaj. Krom la membrolisto la Jarlibro enhavas Kontaktan Adresaron – tio estas adresoj de la membroj, kiuj konsentis publikigi siajn adresojn. Grandan parton de la Jarlibro okupas Konsilaroj: pri kluba agado kaj pri organizado de Lingvaj Festivaloj.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## NOVAJ BELASPEKTAJ VARBILOJ

Rusa proverbo asertas, ke, renkontante nekonaton, oni unue juĝas laŭ la vestaĵo, nur post iom da komunikado oni taksas la menson. Dum jardekoj rusiaj esperantistoj, prezentante E-on, ne havis iujn decaspektajn informajn materialojn. Maksimume oni povis uzi folietojn kun iuj tekstoj. Kaj en la nova epoko, kiam ĉie ĉirkaŭ ni estas bunta, vigla reklamo, tiuj folietoj reale ne utilis kaj faris malfavoran impreson. Dum sia kunveno en oktobro 2006 la Estraro de REU decidis likvidi tiun mankon. Kaj jen komence de decembro estas preta tuta serio da diverscelaj, belaj kaj modernaj E-varbiloj.

Dank' al relative grandaj mendokvantoj kaj samtempa mendado de pluraj presaĵoj, REU sukcesis ricevi tre favorajn prezojn, kiujn neniam sukcesus atingi aparta klubo, bezonanta nur kelkdek afiŝojn aŭ faldfoliojn. Jes, tiujn kvantojn oni ne tuj elspezos, sed la afiŝoj kaj la varbiloj povas esti uzataj dum pluraj jaroj, ilia enhavo tion ebligas. La varbilojn preparis Andrej Grigorjevskij, reklama grafikisto laŭ unu el la profesioj. Nun pli detale pri la novaj varbiloj. Tio estas:

1) Du afiŝoj, reklamantaj E-kursojn. Ili estas produktitaj en la plej popularaj kaj oportunaj formatoj A4 (ordinara folio) kaj A3 (duobla folio). Ambaŭ estis anticipe testitaj je neesperantistaj studentoj kaj lernejanoj – kiuj trovis ilin allogaj kaj interesaj. Ambaŭ afiŝoj havas liberan spacon, kien oni povas englui la informojn pri la konkreta kurso.

2) Faldfolio, neŭtrale kaj faktece prezentanta E-on. Kiel la bazo estis uzita enciklopedia artikolo en la ruslingva Vikipedio. Krome, enestas mallonga E-kurso, E-vortareto kaj kolekteto de interesaj faktoj pri la lingvo. La faldfolio estas abunde ilustrita.

3) Bildkarto, skize prezentanta la lingvon, ĝian ideon. Sur la dorsa flanko troviĝas enkonduka E-lecioneto.

4) Afiŝo, reklamanta Lingvan Festivalon. Formato A4. En ĝia enhavo estis konsideritaj konsiloj de ĉeboksaraj aktivuloj, multjaraj organizantoj de LF. La afiŝo havas nigran fonon, tial estas konsilinde englui konkretajn informojn pri la aranĝo, presitajn per blankaj literoj sur la nigra fono, aŭ alglui la aldonajn informojn sur apuda folieto.

Dank' al malmultekosta presado REU vendos la varbilojn tre favorpreze:

Afiŝo A3 (knabino) kaj Faldfolio – 7 rub. por unu ekzemplero; po 5 rub. por pli ol 10 ekz. (4 rub. por REU-kluboj).

Afiŝoj A4 (Literoj kaj Lingva Festivalo) – 5 rub. por unuopa afiŝo; po 3 rub. por pli ol 10 ekz. (2.50 por REU-kluboj).

Karto – 5 rub. por unuopa karto; po 3 rub. por pli ol 10 ekz. (2.50 por REU-kluboj).

La sendokostoj: 10 rub. por unu ekz.; 25 rub. por sendaĵo (ajna kvanto super unu). Akiri la varbilojn eblas ĉe REU-libroservo: Irina Stomenskaja, 428024 Ĉeboksari, pr-t Mira 15-55; rete <ls@reu.ru> (kopie – al <prezident@reu.ru>). En Moskvo oni sin turnu al Mikaelo Ĉertilov, rete <esperanto@email.ru>, telefone +7-916-2019437.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2006

Rusia Esperantista Unio kore dankas al Anton Loŝmanov (Komsomoljsk-na-Amure), Aleksej Odincov (Permj) kaj Galina Terentjeva (Ĉeljabinsk), kiuj iĝis REU-subtenantoj por 2007!

### INDIVIDUA MEMBRO

*Ĥlizov Konstantin (Krasnojarsk)*

### ALIĜINTA KOLEKTIVO

**Moskva EK MASI** (+ 8 membroj): *Baluŝkina Natalja, Berezovskaja Ljudmila, Ĉerniŝova Sofja, Gogleva Aleksandra, Ljovuŝkina Jekaterina, Poljakova Darja, Terjoĥina Marija, Vozĵennikova Marija*

## KOTIZOJ DE REU POR 2007

**Individua kotizo** – 80 rubloj (por eksterrusiaj loĝantoj – 8 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron kaj/aŭ Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj.

**Dumviva kotizo** – 2000 rub. (por eksterrusiaj loĝantoj – 200 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 30 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj).

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Subtenkotizoj** (ĉio sama kiel por individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – kvinobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 30 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 160 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 150 rub. (ekster Rusio – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Membroj de REU aŭtomate iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilon, rublajn kotizojn kaj rabatitajn REGo-abonpagojn (poŝtmandate) sendu al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. (Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <kasisto@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso).

# Eksciu, ke...

## LA JUNULARO KONGRESIS

Dum la 4-a – 6-a de novembro en Niĵnij Novgorod pasis Rusia Esperantista Junulara Kongreso. Estis registritaj 35 partoprenantoj, ĉefe junularo el la urboj: Moskvo, Ĉeboksari, Niĵnij Novgorod, Ivanovo, Tiĥvin, Uljanovsk, Kazanj, Dimitrovgrad.



*malgraŭ la neformala etoso la laboro dum REJK estis streĉa kaj fruktodona*

En la programo estis prelegoj, REJM-konferenco, laboro en grupoj pri projektoj, urba ludo. Malgraŭ partopreno de multaj junuloj estis elstara lingva disciplino. La neordinaro programero estis ŝerca tribunalo, kiu devis esplori kaj verdikti pri la "krimoj" de la antaŭa REJM-gvidantaro, pro kiuj la organizaĵo fakte ne funkciis dum lastaj du jaroj.

Pri REJM-konferenco. Ĉeestis 21 REJM-anoj, 5 aliaj REJM-anoj transdonis voĉdonrajton al la ĉeestantoj. Dum 3 kunvenoj estis diskutitaj jenaj temoj: la nuna situacio, labordirektoj, aktualaĵoj, formoj de organiza laboro, komitato kaj estraro, elekto de la estraro. REJM-anoj estis pridemandataj pri iliaj bezonoj de REJM. Kiel ĉefaj agaddirektoj estis elektitaj: informado, organizado de aranĝoj, organizado de aktivulaj trejnseminarioj (ATS). Kiel labora organo de REJM estis elektita komitato. Estis decidite, ke oni ne limigas kvanton de komitatanoj: ajna aktiva juna esperantisto povas iĝi komitatano. Decidojn en la komitato akceptos estraro, kiu konsistos el 4 personoj. Por la estraro estis elektitaj Marija Terjoĥina, Vitalik Malenko, Katja Predaĉenko, Diana Sakajeva. Estis



*la juĝistoj de la tribunalo*

decidite, ke la estraro rajtas decidi ion nur se minimume 3 estraranoj konsentas. Estis ellaborita plano de sinsekvaj agoj (publikigota iom poste). Krom pridiskutoj okazis ankaŭ laboro en grupoj pri aktualaj projektoj: aranĝoj (instruaj, movadaj, distraj, internaciaj) kaj retpaĝoj (de aranĝoj, de la organizo, ruslingva).

Post REJK okazis koresponda voĉdono inter ĉiuj membroj de REJM – por aprobi la decidojn de la konferenco.

Dankon al ĉiuj REJK-partoprenantoj!

***Vitalik Malenko (Ĵukovskij)***

## RAPORTETO PRI TILE-2

En Soĉi dum la 27-29-a de oktobro 2006 okazis TILE-2 (Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto), nova tradicia sudrusia E-aranĝo, aŭspiciata de REU.

En la unua tago estis malfermo de la Tagoj, enmanigo de diplomoj kaj donacoj al la infanoj, partoprenintoj de Konkurso de Infanaj Desegnaĵoj en Francio. La infanoj esprimis deziron lerni Esperanton, kaj al ili estis donacitaj lernolibroj. Poste okazis koncerto de Esperanto-kantoj far Sergej Sergejev.

En la dua tago okazis diskuto pri E-movado, pri RET-07 en Primorsko-Aĥtarsko, Aleksandro Melnikov tre interese prezentis siajn tri lastajn E-librojn, rakontis pri siaj planoj de eldonado. Posttagmeze okazis ekskurso al Arbo de Amikeco, vespere – komuna kantado de soĉianoj kaj gastoj. En la tria tago evidentiĝis, ke pluraj partoprenantoj forveturas antaŭtagmeze, pro tio ne okazis la planita diskuto pri faka agado.

En la tagĵurnalo "Ĉernomorskaja zdravnica" (Nigramara sanigejo) aperis eta foto kaj artikolo pri la renkontiĝo.

***Vladimir Bespalov (Soĉi)***

## LINGVAJ RAJTOJ EN LA INTEGRIĜANTA EŬROPO

De la 28-a de oktobro ĝis la 03-a de novembro en Bruselo, Belgio okazis TEJO-seminario pri lingvaj rajtoj. Ĝi estis organizita ne nur por membroj de Esperantaj organizoj de diversaj landaj TEJO-sekcioj, sed ankaŭ por aktivuloj de aliaj neŝtataj organizoj. Pro tio la seminario havis du laborlingvojn – Esperanton kaj la anglan.



La organiza teamo (Ilja De Coster, Julia Litvinova, Heming Welde Thorbjornsen) antaŭfaris grandan laboron, tial la programo estis diversa, plena kaj kunhavis interesajn spertulojn. La partoprenantoj aŭskultis prelegojn pri: ***Aktiva Civitaneco*** (Ilja De Coster); ***Eŭropa Unio kaj integriĝo/Lingvaj Rajtoj*** (Sean O'Rain – irlanda diplomato, prezi-

danto de EEU); ***Rilatoj kun amaskomunikiloj*** (Dafydd Ab Iago – sendependa ĵurnalisto en “Europolitics”); ***Paperaj komunikiloj*** (Julia Litvinova).



Dum la seminario estis prezentita aktuala Junulara Programo “Youth in Action 2007-2013”. La prezento havis grandan sukceson, ĉar partoprenantoj interesiĝis pri projekto-organizadoj kaj pri subvencipetoj. Aldone okazis ronda tablo pri subvencioj kaj projekto-planado.

Aparte interesa estis vizito al EU-komisiono, kie reprezentanto de EU rakontis pri la nuna politika situacio kaj la strukturo de EU kaj respondis abundajn demandojn de la aŭskultantoj.

La plej grava parto de la programo okazis dum la lasta tago – ellaborado de projektoj. Kvin laborgrupoj faris konkretajn planojn por futuraj projektoj kaj prezentis ilin. Sekvaj projektoj estis prezentitaj: “Internacia Somera Esperanta Junulara Tendaro”; “Tradukado de libro pri lingvaj rajtoj al naciaj lingvoj; Esperantaj aŭskultlibroj”; “Lernanta Esperanto” (serio de seminarioj por organizantoj de internaciaj aranĝoj); “Lerntendaro pri Unua helpo” (komuna projekto kun Ruĝa Kruco); “Informkampanjo pri lingvaj rajtoj”. Ni esperu ke ĉiuj projektoj ne restos nur sur papero.

La seminario finiĝis per komuna vespero en Ĵaz-klubo kun belga biero, angla humuro, laŭta muziko kaj internacia babilado.

***Ljuba Ĥaritonova (Moskvo)***

## UEA INVITAS PRELEGI EN LA JOKOHAMA IKU-SESIO

Dum la 92-a UK en Jokohamo okazos la 60-a sesio de Internacia Kongresa Universitato, kie rajtas lekcii universitataj profesoroj kaj personoj kun simila kvalifiko. UEA invitas tiajn personojn rete aŭ papere prezenti siajn proponojn pri prelegoj al la sekretario de la IKU-komisiono, prof. d-ro Christer Kiselman, <kiselman@math.uu.se>, *Poŝtkesto 480, SE-751 06 Uppsala, Svedio*, plej laste 31.01.2007.

Okazos ankaŭ studsesio de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) kunlabore kun UEA. Membroj de AIS estas invitataj proponi kurson, kies unua lekcio funkcios samtempe kiel IKU-prelego.

La propono enhavu mallongan (ĉ. duonpaĝan) resumon de la prelego en Esperanto kaj koncizan (ĉ. duonpaĝan) biografieton kun persona bibliografio.

Aparte bonvenaj estos prelegoj rilataj al la kongresa temo, kiu estas “Okcidento en Oriento: akcepto kaj rezisto”. La samo validas por junaj kandidatoj kaj tiuj kiuj ankoraŭ ne prelegis en iu IKU.

Ĉiu preleganto devas esti kongresano kaj mem zorgi pri sia aliĝo. La prelego estos rekompencita per modesta honorario. Ĉiu proponinto estos informita pri la decido de la Estraro de UEA plej laste 15.04.2007 kaj, kaze de akcepto, sendu sian tekston al la Centra Oficejo plej laste 31.05.2007. Pliaj detaloj troviĝas en la IKU regularo, kiu troveblas ĉe <http://uea.org/dokumentoj/iku_regularo.html>.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## LA KONGRESO EN UKRAINIO

La 28-29-an de oktobro en Kievo okazis la 15-a Kongreso de Ukrainia Esperanto-Asocio. Ĝin partoprernis entute 27 personoj, inter kiuj estis 21 decidrajtaj delegitoj. Gvidis la laboron de la Kongreso J.Zaĥarija, sekretariis M.Mamedov.

Pri la trijara agado raportis la prezidanto A.Krasucki, prezidianoj N.Daniljuk, A.Griŝĉenko kaj la gvidanto de KRK (Kontrol-Revizia Komisiono) S.Pogorelaja. Pri sia agado raportis ankaŭ komisiongvidantoj kaj klubestroj. La laboro de la prezidio estis taksita kiel kontentiga. Post pridiskuto estis aprobita nova redakcio de UkrEA-Statuto.

Okazis baloto kaj elekto de la nova UkrEA-prezidanto inter kelkaj kandidatoj al ĉi posteno. Por la sekreta voĉdonado estis proponitaj kaj akceptitaj 2 kandidatecoj: Mikaelo Lineckij (Kievo) kaj Semjon Vajnblat (Odeso). Ĝenerale estis donitaj 21 voĉoj, el kiuj 2 estis kontraŭ ambaŭ kandidatoj, 6 voĉojn ricevis M.Lineckij, 13 voĉojn ricevis S.Vajnblat. Rezulte al la posteno estis elektita gvidanto de Odesa urba Esperanto-klubo “Blanka akacio” Semjon Vajnblat, kiu estos prezidanto de la Asocio por la sekva trijara periodo. La duan labortagon li prezentis siajn pensojn por agadstrategio de UkrEA, ricevis de la partoprenantoj multe da proponoj kiel vigligi agadon de la Asocio.

Por la posteno de la gvidanto de KRK la delegitaro elektis samideaninon S.Pogorelaja.

***(ukrainaj-esperantistoj)***

Du judoj sidas en restoracio. Ili ricevas du (koŝerajn...) bifstekojn sur komuna grandtelero. Neniu rapidas preni la unua, ĉar la bifstekoj videble ne samegalas. Ili afable instigas unu la alian servi sin. Finfine Abraham decidas servi sin kiel la unua: li metas sur sian teleron la pli grandan pecon kaj tiam Icik prenas la restintan malpli grandan. Ili manĝas silente, sed finfine ekparolas Icik:

“Vidu, amiko Abraham, la afero ne estas grava, tamen se mi servus min la unua, mi prenus la malpli grandan bifstekon.”

Respondas Abraham: “Amiko Icik, mi sciis tion, kaj pro tio mi tuj prenis la pli grandan.”

***(juda anekdoto de Josef Shemer)***

## TROVU LABORON PER ESPERANTO KAJ INTERRETO

La 15-an de novembro estis la 5-jara datreveno de la Vikipedio en Esperanto. Por festi, ni decidis lanĉi tute novan retprojekton, kiu eble estos same grava por la Esperanto-movado: la retejon <www.eklaboru.com>, kie ĉiu povos trovi laboron aŭ laboranton per Esperanto, por praktike uzi nian lingvon.

Danke al la Interreto, nuntempe ekzistas multaj ebloj labori per Esperanto, ĉar

oni ne plu devas esti surloke. Ekzemple, iu povus dungi programiston, kiu loĝas en Rusio kaj laboros rete. Tio estus avantaĝo, ĉar ties salajro estus malpli alta ol tiu de ekzemple germana programisto, kaj ankaŭ estus avantaĝo por la programisto, ĉar la salajro ja estus pli alta ol normala rusia salajro. La retejo tamen ankaŭ faciligas dungi homon por labori loke, ekzemple vartiston, kiu instruos Esperanton al infanoj. Tiel gejunuloj povas plibonigi ilian lingvokonon kaj sperti alian landon.

Ni kredas ke tio estos gravega paŝo por Esperanto, ĉar laboro ja estas grandega parto de la homa vivo kaj ĝis nun ĝi estis eble la unika parto kiun oni ne povis fari en Esperanto. Se oni volis dungi esperantiston antaŭe, oni devis havi bonegajn kontaktojn ene de la movado por trovi eĉ nur unu taŭgan kandidaton. Tio ne nur estas temp-malŝpara, sed ankaŭ neprofesia kaj forpuŝas neesperantistojn. Nun per nia retpaĝaro ĉiu povas interkonatiĝi kaj trovi laboron aŭ laboranton – do vizitu <www.eklaboru.com>, kontribuu kaj ankaŭ informu viajn amikojn!

***La Eklaboru-teamo***

## DEKLARO PRI KOMUNAJ LERNOLIBROJ PRI HISTORIO EN ESPERANTO

La Komitato de UEA dum la Universala Kongreso en Florenco, en la jaro 2006, estis informita pri la fenomeno de lernolibroj pri historio kune verkitaj de aŭtoroj el malsamaj landoj, kiuj estis malamikaj en la pasinteco.

Aparte oni montris la lernolibron pri la komuna historio inter Ĉinujo, Japanujo kaj Koreujo, kiu estis eldonita en 2005 en tri naciaj lingvoj. Ĉar ĝi estas libro pri komuna historio, ĝi oportune estu ankaŭ en komuna lingvo Esperanto. 42 volontulaj esperantistoj el la tri landoj nun preparas Esperanto-version de la libro, celante eldoni ĝin antaŭ la Universala Kongreso en 2007, sub aŭspicioj de la tri landaj asocioj. La fenomeno ekestas ankaŭ en Europo, kie en junio 2006 aperis komuna german-franca lernolibro pri historio en la germana kaj franca lingvoj.

La Komitato rekomendas al la Estraro de UEA gratuli la verkintojn kaj tradukantojn de tiaj lernolibroj kaj esprimas subtenon pri la ideo, el kiu tiuj lernolibroj fontas, kiu tute bone kongruas kun la ideo de internacia interkompreniĝo, kiun celas la Esperanto-movado.

***Renato Corsetti, Prezidanto de UEA***

## VOLGOGRADA EK “ESPERO” FESTIS 30-JARIĜON

La 25-an de novembro la volgograda EK "Espero" celebris 30-jariĝon de sia fondiĝo. La feston krom la klubanoj partoprenis anoj de aliaj volgogradaj E-kluboj.

La ĉefa heroo de la festo estis la daŭre aktiva kaj sukcese instruanta Tatjana Vtorova, kies iama transloĝiĝo el Ufa (kie ŝi studis E-on ĉe Boris Kolker), ebligis al la klubo aperi.

Korajn gratulojn al la volgogradanoj!

***Andrej Grigorjevskij (iama kursfininto, membro kaj prezidinto de la klubo)***

## IOM BELETRA, IOM FAKA

***Ilustrita Enciklopedio de akvariaj fiŝoj.*** *Familia biblioteko. 120 p. Kompilis Aeksandr Ŝevĉenko. Scienca redaktoro Nikolao Gudskov. ISBN 978-5-7161-0138-8 "Impeto", Moskvo. 2007.*

Malgraŭ ke en Esperanto ĉiujare aperas pli ol cento da novaj titoloj, preskaŭ ĉiuj ili apartenas al beletro. Ni provis konstrui la enhavon de la libro tiamaniere, ke ĝi aspektu kaj kiel beletra interesa legaĵo, kaj samtempe kiel informa gvidlibro. En la "Enciklopedio" estas priskribitaj ĉirkaŭ 240 specioj de la fiŝoj, kiujn oni bredas en akvarioj tutmonde. Preskaŭ ĉiuj Esperantaj nomoj aperas kiel proponoj. Pro tio la "Enciklopedio" ne estas granda, ni opinias ĝin kiel la unuan enkondukon en la temon. Por beligi la legadon kaj fari la libron pli interesa por la familia uzado, ni aldonis al ĉiu paĝo de la libro nigro-blankajn bildojn. Krom priskribo de la akvariaj fiŝoj, la libro enhavas ankaŭ kurtajn informajn ĉapitrojn pri la historio de la akvariiko, pri akvariaj plantoj kaj moluskoj, pri fiŝa nutrado, pri uzado de kemio kaj tekniko en la akvariika okupo, kaj ankaŭ seslingvan indekson.

La libron eblas legi trae, simile al la beletra, sed eblas foliumante ĝin elekti la interesantajn lokojn. Por ke la leganto ne eraru en la difino de la apartaj Esperantaj nomoj, ni aldonis latinajn ekvivalentojn por ĉiu specio kaj krom tio ankaŭ provis uzi atingeblajn por ni naciajn ekvivalentojn en la angla, franca, germana kaj rusa lingvoj. Foliumante PIVortaron, ni ne sukcesis trovi multajn respondojn al niaj demandoj. Malgraŭ manko de nia sperto en simila kompila laboro kaj evidenta uzo de ĉefe ruslingvaj fontoj, ni esperas ke la libro estos iom interesa ankaŭ internacie. Gravajn notojn al la preparata eldono afable faris s-ro Klaŭdo Roux, kiu respondecis pri natursciencoj en la nova eldono de PIV.

La destino de la libro iĝis klara al ni ankoraŭ dum ĝia preparado. Unu el esperantistoj, traleginte la manuskripton, deklaris, ke li volus havi jen tiujn kaj tiujn akvariajn fiŝetojn. Kaj se post la familia legado almenaŭ kelkaj esperantistoj ekvolos provi organizi en sia hejmo akvarion, ni opinios nian laboron ne vana. Do ni esperas pri *aplika* uzado de la libro.

Kompreneble, plejmulto de la proponataj en la "Enciklopedio" nomoj de la fiŝoj estas nur provizora, kaj la aŭtoroj estos feliĉaj, se almenaŭ deko el ili firme enradikiĝos en Esperanto kaj iĝos vaste uzataj.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

## IKU-LIBRO 2006 EN LA RETO

Krom papere, la kolekto de la prelegoj de la Internacia Kongresa Universitato en Florenco nun haveblas en la retejo de UEA (sub “Dokumentoj”) ĉe la adreso <http://www.uea.org/pdf/IKU2006.pdf>. La IKU-libro 2006 estas rekorda laŭ amplekso (154 paĝoj) kaj vendokvanto (124 ekz. dum UK). Ĝi enhavas naŭ prelegojn kaj enkondukan artikolon pri Esperanto kaj scienco de prof. Amri Wandel, estrarano de UEA pri scienca kaj faka agado. La IKU-libro estas uzebla ankaŭ por ekstera informado, ekz. ĉe Unesko kaj scienc- aŭ universitat-rilataj organizaĵoj. Tiucele ĉiuj resumoj de la prelegoj kaj la enkonduka artikolo estas tradukitaj en la anglan, francan kaj italan. En la retejo de UEA troviĝas ankaŭ la prelegaroj de la IKU-sesioj de la jaroj 1998, 2002 kaj 2005. Ĉiuj eldonoj de la IKU-libro ekde la jaro 2000 estas ankoraŭ aĉeteblaj en papera formo. Unuafoje la IKU-prelegoj estis eldonitaj kiel unu volumo en 1997.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2007

La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA invitas partoprenantojn por la 58-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 92-a Universala Kongreso en Jokohamo. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en la UK. La konkursaĵoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj, antaŭe ne publikigitaj en ajna formo. Krome validas jenaj kondiĉoj:

Poezio: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

Prozo: Maksimuma longo 200 × 65 karaktroj. Tri premioj.

Teatraĵo: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

Eseo: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la temo de la UK. Premio “Luigi Minnaja” kaj du aliaj premioj.

Kanto: Teksto kaj melodioj povas esti de malsamaj aŭtoroj. La melodion oni povas sendi KD-e, rete, sonbende aŭ skribe (notoj), la tekston rete aŭ papere. Premio “An-Song-san” kaj du aliaj premioj.

Filmo: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo. Daŭro inter 15 kaj 60 minutoj. Tri premioj.

Infanlibro de la Jaro: Originala aŭ tradukita libro (alia ol lernolibro), presforme aperinta en 2006. Unu premio.

Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Por poezio, prozo, teatraĵo, eseo oni sendu ilin en unu ekzemplero; por kanto oni sendu en kvar ekzempleroj se KD-e aŭ sonbende; por la infanlibra branĉo en tri ekzempleroj. Ĉiuj alvenu plej laste la 31-an de marto 2007. Por filmo oni sendu po unu ekzempleron ĝis la 1-a de julio 2007. Ĉion oni adresu al: *Belartaj Konkursoj de UEA, ĉe Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio*; rete <michela.lipari@tiscali.it>. La konkursaĵoj (krom infanlibroj) estu pseŭdonimaj. La vera nomo kaj adreso estu en aparta koverto. Se eble, oni aldonu 5 internaciajn respondkuponojn por ĉiu branĉo, en kiu oni konkursas. Se oni sendas la konkursaĵojn rete, oni indiku la elektitan pseŭdonimon.

Premioj: Unua premio: 230 eŭroj; dua premio: 161 eŭroj; tria premio: 92 eŭroj;

Nova Talento (por la plej bona konkursanto neniam premiita) 161 eŭroj; Infanlibro de la Jaro: 483 eŭroj.

Publikigo: La rajto je la unua presigo de la premiitaj verkoj apartenas al UEA, kiu ankaŭ poste rajtos aperigi ilin senpage en antologio de la Konkursoj.

Detala regularo haveblas ĉe *UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando*, aŭ rete ĉe <uea@co.uea.org>. Ĝi legeblas ankaŭ en la TTT-ejo <www.uea.org>.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

# *Lusi Rimon,*

***nia eksa samlandanino, nun loĝanta en Israelo, prezentas siajn tradukojn de popularaj novjaraj kantoj.***

## ABIO

*muziko de O.Felcman, teksto de I.Ŝaferan*

Verda abio – arbara arom',
Estas plezuro ĝi por ĉiu hom'.
Kovras la arbon Novjara dekor',
Brilas la pingloj pro ĝoja humor'.

Por la vespero kunvenas gastar',
Ludas en rondo dum gaja Novjar'.
Ĝuas abio kantadon de l' ĥor',
Brilas la pingloj pro festa humor'.

## ETA ABIO

La abieto
Trem-frostis en la kort',
Ĝin prenis hejmen ni
Por la festa ord',

Bele ornamis
Per arĝenteca stel',
Oraj strobiloj kaj
Dolĉa karamel'.

Brilas fajretoj
En serpentena franĝ',
Lumas girlando de
La pinglara branĉ'.

Ĉe la abio
Kundancu amikar',
Ĝoje kunfestos ni
Tagon de l' Novjar'!

## POETO-ESPERANTISTO FARIĜIS NOVA RUSA VERKISTO

En la 6-a (la lasta ĉi-jare) numero de la revuo de Boris Strugackij "Poldenj. XXI vek" aperis rakonto de Nikolaj Ĵelunov kaj Ivan Naumov "Projekto "Lenin"". Jena informo pri la dua aŭtoro estas skribita en la fino de la revuo:

*Ivan Naumov (nask. en Moskvo en 1971). De la fruaj jaroj provis sin en literaturo, tamen la kleriĝon elektis teknikan (MIREA). Ekde komenco de la 90-aj laboris por turisma kaj trafika negocoj, multe vojaĝis, multe da tempo pasigis eksterlande. Libere posedas la italan, anglan kaj Esperanton. En 1995 eldonis kolekton de poemoj en tri lingvoj "Muzika – eto sni"* (E-titolo "Plejo" – La red.). *Ekde 2004 denove revenis al la fantasto. Dum jaro kaj duono verkis pli ol dudekon da rakontoj kaj noveloj, gajnis ses literaturajn konkursojn, fariĝis gajninto de la majstroklaso de A.Lazarĉuk en "Roskon-2006". La ruĝa diplomo de la Supera literatura*

*kurso en la Literatura instituto je la nomo de Gorkij.*

Ni gratulu Ivan-on okaze de la debuto en la renoma literatura revuo kaj deziru al li grandajn literaturajn sukcesojn! Kaj ni ankaŭ deziru al li verki novajn rakontojn ankaŭ en Esperanto!

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

---

Pastro diris al rabeno: "Vi, judoj, studas Talmudon la tutan tempon. Kion vi gajnas de tio? Vi ja ne estas pli saĝaj ol ni, nejudoj?"

Rabeno: "Ĉu mi pruvu al vi ke vi eraras?"

Pastro: "Jes."

Rabeno: "Mi prezentas al vi demandon: du homoj falas de la tegmento tra la kamentubo. Unu eliras malpura sed la alia – pura. Kiu el ili iros lavi sin?"

Pastro: "Tre simple. La malpurulo iros lavi sin kaj la purulo – ne."

Rabeno: "Mi estis certa ke vi ne sukcesos kompreni. La respondo estas tute mala: La pura homo rigardas sian kolegon, vidas ke tiu estas malpura, pensas ke ankaŭ li estas malpura kaj iras lavi sin. De la alia flanko, la malpurulo rigardas la purulon, vidas ke tiu estas pura, pensas ke ankaŭ li estas pura kaj tial ne iras lavi sin."

Pastro: "Pri tio mi ne pensis. Bonvolu nun demandi al mi ion plian."

Rabeno: "Jen io plia: du homoj falas tra la kamentubo. Unu eliras malpura kaj la alia – pura. Kiu el ili iros lavi sin?"

Pastro: "Tre simple. La pura homo rigardas sian kolegon, vidas ke tiu estas malpura, pensas ke ankaŭ li estas malpura kaj iras lavi sin. La malpurulo rigardas la purulon, vidas ke tiu estas pura, pensas ke ankaŭ li estas pura kaj tial ne iras lavi sin."

Rabeno: "Vi denove eraris. Jen la ĝusta respondo: La purulo rigardas la spegulon, vidas ke li estas pura kaj ne iras lavi sin. La malpurulo rigardas la spegulon, vidas ke li estas malpura kaj iras lavi sin."

Pastro: "Sed vi ne diris ke troviĝas tie spegulo!"

Rabeno: "Ĝuste tio estas la afero, kiun vi ne povis kompreni: Laŭ la Talmudo oni devas pensi pri ĉiuj eblecoj!"

Pastro, ĝemanta: "Bone. Ni provu denove!"

Rabeno: "Nun la lasta fojo. Aŭskultu bone: du homoj falas tra la kamentubo. Unu eliras malpura kaj la alia – pura. Kiu el ili iros lavi sin?"

Pastro, ridetanta: "Tio estas tre simpla: ***a)*** Se ne estas tie spegulo: La pura homo rigardas sian kolegon, vidas ke tiu estas malpura, pensas ke ankaŭ li estas malpura kaj iras lavi sin. La malpurulo rigardas la purulon, vidas ke tiu estas pura, pensas ke ankaŭ li estas pura kaj tial ne iras lavi sin. ***b)*** Se estas tie spegulo: La purulo rigardas la spegulon, vidas ke li estas pura kaj ne iras lavi sin. La malpurulo rigardas la spegulon, vidas ke li estas malpura kaj iras lavi sin."

Rabeno: "Ne, vi denove eraras. Bonvolu klarigi al mi kiel povas esti, ke kiam du homoj falas tra la kamentubo, unu eliras malpura kaj la alia – pura?"

***(juda anekdoto de Josef Shemer)***



## REMEMORO PRI "LIRO"-J

En la jaro 1976 mi estris Poezian fakon de SEJM kaj iniciatis poezian konkurson "Liro", kiu dekomence estis planata kiel entrepreno de Miassa E-klubo (tiutempe mi loĝis en tiu ĉi urala urbo). La ideo pri la konkurso ne estis originala: nia movado jam havis sperton pri organizado de similaj aranĝoj ("Muzo" en Vilnius, "Parnaso" en Riga). La unuan "Liro"-n ni decidis organizi en la kadroj de la jam tradicia Zamenhof-festo, kiu ĉiudecembre estis efektivigata far la Miassa E-klubo "Malakita Stelo" en la sama loko – komforta ripozbazejo "Rassvet", situanta en pina arbaro apud la lago Ĉebarkulj.

"Liro-76" okazis en tiu pitoreska loko la 12-13-an de decembro 1976, ĝuste antaŭ 30 jaroj. En la aranĝo partoprenis pli ol 70 geesperantistoj (inter ili – gastoj el Ufa, Ĉeljabinsk, Magnitogorsk). La programo de la festo enhavis jam kutimajn erojn: solenan malfermon, horon de interkonatiĝo, gajan vesperon kun koncerto, ludojn, kantojn, dancojn... Sed la plej rimarkinda programero certe estis la poezia konkurso "Liro-76". Dum preparado al la konkurso evidentiĝis, ke almenaŭ duono de ĝiaj partoprenontoj ne estas miassanoj kaj kelkaj – eĉ ne volgo-uralanoj (Miassa E-klubo apartenis al la Volgo-Urala aktivec-regiono de SEJM). Tiel dekomence naskiĝis la ideo transformi "Liro"-n je tutsovetia konkurso. Tiun ĉi ideon ni provis realigi dum sekvaj kvin jaroj: en 1977-1979 kaj 1981 "Liro" pasis en "Rassvet" kaj



*komuna foto de "Liro-76"*

en la jaro 1980 – en Ĉeljabinsk.

De jaro al jaro kreskis kvanto kaj geografiaj limoj de partoprenantoj (ankaŭ forestaj) en “Liro”-j, ankaŭ kvanto, kvalito kaj varieco de konkursaĵoj. Se, ekzemple, en la unua “Liro” estis prezentita eĉ ne unu originala versaĵo, en “Liro-77” en la branĉo de originala poezio sin prezentis jam 7 aŭtoroj kaj en “Liro-81” aperis konkursanto, prezentitnta sian “plenan verkaron” de originala poezio (18 versaĵoj!) – tiu estis Gafur Gazizov el Ufa. En la unua “Liro” ni aŭdis nur solan kanton kun originalaj teksto kaj melodio (“Novjara valso” de N.Cvileneva) kaj tri kantojn kun originalaj tekstoj. En “Liro-78” sonis jam 8 kantoj kun originalaj tekstoj kaj 12 (!) – kun originalaj melodioj. Mi volas noti, ke ĝuste “Liro” lanĉis la “modon” verki originalajn melodiojn por E-kantoj. Antaŭe oni kutime “prunteŝtelis”, laŭ la esprimo de M.Bronŝtejn, melodiojn de jam ekzistantaj kantoj. Kaj en la lasta “Liro-81” premiaj lokoj estis aljuĝataj al laŭreatoj ne por apartaj poeziaĵoj aŭ kantoj, sed por serioj de kreaĵoj.

La aranĝo estis rimarkinda en la historio de la sovetia E-movado: ĝi altiris multajn talentajn esperantistojn el ĉiuj regionoj de la lando, elvokis ties artan kreemon, dank’ al kio E-kulturo pliriĉiĝis je multaj poeziaĵoj (originalaj kaj tradukitaj poemoj kaj kantoj), pluraj el ili iĝis popularaj: kantoj “Kun pluvo paŝas en la strat’” kaj “Amiko mia” (originalaj tekstoj) de Mikaelo Bronŝtejn, “Songoj” (originala melodio por teksto de A.Blok) de Alekseo Fomin, “Oriento” (originala teksto) kaj “Mia amatin’” (tradukita teksto de J.Vizbor) de Ludmila Novikova kaj aliaj. Bedaŭrinde, multaj indaj konkursaĵoj ne iĝis famaj, inter ili belegaj originalaj kaj tradukitaj kantoj de Nina Cvileneva, Natalja Dolganova, Alekseo Aleksandrov (frue forpasinta). Necesas finfine vaste konatigi esperantistojn kun tiuj ĉi rimarkindaj kreaĵoj, samkiel kun originalaj kaj tradukitaj poeziaĵoj, kiuj estis abunde prezentitaj dum “Liro”-j, sed tiutempe ne estis eble publikigi ilin. Nun dank’ al REGo kaj aliaj E-eldonaĵoj tia eblo aperis. Mi promesas prezenti por publikigo ĉiujn konkursaĵojn, havatajn en mia persona arkivo. Bedaŭrinde, multaj materialoj mankas al ĝi: laŭ mi ilin eblus trovi en la arkivoj de Miassa kaj Ĉeljabinska E-kluboj kaj en la personaj arkivoj de partoprenintoj en “Liro”-j.


*“Liro-78”: Viktor Kudrjavcev, Ludmila Novikova kaj Boris Kolker*

Nun mi dezirus reveni al la jubileo de “Liro-76”. Antaŭ anonco de la rezultoj de tiu konkurso mi donu kelkajn miajn komentojn kaj impresojn.

La konkurso havis negrandan variecon, kiel geografie (nur tri urboj ĉeeste kaj kvar – foreste), samtiel vidpunkte de personaro de la konkursantoj. Do, en la listo

de laŭreatoj ni legas plurfoje la samajn nomojn. Tio estis negativa trajto de la konkurso. Tamen “Liro-76” estis grava etapo en la vivo de pluraj esperantistoj, kiuj ĝuste tiam startis kiel aŭtoroj kaj tradukantoj de poeziaĵoj kaj kantoj en Esperanto.

Ekzemple mi mem dank’ al “Liro-76” komencis verki originalajn kantojn, antaŭ tio mi provis nur traduki poeziaĵojn. Estas interese, ke mia debuta originala kanto, kiu unuafoje sonis en “Liro-76”, – “Oriento” – iĝis la plej fama el ĉiuj, kiujn mi verkis poste. Notindas ankaŭ tiu fakto, ke la ĵurio de la konkurso juĝis tiun kanton “tro komplika kaj tro longa” kaj aljuĝis al ĝi la lastan premian lokon. “La amaso de esperantistoj neniam povos parkerigi ĝin. Pro tio ĝi neniam estos populara”, – diris unu el la ĵurianoj. Tiam mi kredis al li kaj tre miris poste (kaj miras ĝis nun), ke lia prognozo estis erara. Eble ĝia populareco klariĝas per tiu fakto, ke ĝuste en tiu periodo aperis OrSEJT-oj (Orient-Sovetiaj Esperantistaj Junularaj Tendaroj), kaj esperantistoj el la orienta parto de la lando perceptis la kanton kiel sian “himnon”? Interalie, “Oriento” estis ja verkita speciale por OrSEJT-19, kiu okazis apud Miass en la jaro 1977.


*“Liro-80”: diversurbaj partoprenantoj*

Sed ĉarmaj kantoj de Nina Cvileneva, ricevintaj la unuajn premiojn en kelkaj “Liro”-j, ne iĝis tiom popularaj verŝajne pro sia “vintra” enhavo: esperantistoj ja malofte renkontiĝas vintre. En tiu ĉi numero de REGo ni decidis korekti tiun maljustecon kaj publikigi la kanton de Nina “Novjara valso”, kiu debutis en “Liro-76”. Meritas apartan mencion la kanto “Solvejg”, ricevinta specialan premion de la ĵurio por originala melodio kaj la unuan premion en la branĉo “Tradukita kantoteksto”. Estas interesa la krea vojo de tiu kanto. Natalja Dolganova (nun Aroloviĉ) el Sizranj sendis al mi muziknotojn (aŭ surbendigon – mi nun ne memoras, ĉar bedaŭrinde mankas al mi kaj tio kaj alio) de verkita fare de ŝi melodio. Ŝi petis min trovi por tiu melodio taŭgan tekston. La melodio estis tre bela, sed ege komplika. Mi supozis, ke ne eblas plenumi la peton de Natali, tamen provis serĉi. Kaj trovis! Tio estis la versaĵo de Aleksandr Blok “Solvejg”. La teksto mirinde konformis al ŝia melodio. Mi tradukis la versaĵon, kaj la kanto estis prezentita en “Liro-76”. Pro sia enhavo kaj melodia komplikeco la kanto ne povas esti amasa. Ĝi taŭgas nur por plenumo de solisto, tre bone posedanta vokalon. Tial vasta E-publiko ne plu aŭdis ĝin. Poste Natalja Aroloviĉ prezentis sian originalan melodion por la versaĵo de J.Kořinek “Se vi pri amo pensis” en la sekvinta “Liro-77” kaj ricevis la unuan premion en la branĉo “Originalaj melodioj por libere elektitaj E-tekstoj”. Ambaŭ kantoj meritas publikigon, se Natalja helpos restaŭri la muziknotojn.

En la branĉo “Tradukita poezio” la unuan premion ricevis mia traduko de la poemo de Bella Aĥmadulina “Fabelo pri Pluvo”. REGo disponigis lokon sur siaj

paĝoj, kaj mi prezentas ĝin por publikigo.

Pli detalajn rememorojn pri la aliaj "Liro"-j mi esperas prezenti dum la sekvontaj jaroj. Mi petas la partoprenintojn kaj gvidantojn de Miassa kaj Ĉeljabinska E-kluboj sendi al la redakcio de REGo siajn rememorojn kaj materialojn de la konkursoj (tekstojn, muziknotojn, fotojn, surbendigaĵojn).

***Ludmila Novikova, eks-komitatano de SEJM***



*"Liro-79": kantas Nina Cvileneva*

## NEFORGESEBLAJ "LIRO"-J

Vere, niaj "Liro"-j de 70-aj – 80-aj jaroj estas neforgeseblaj, sed, verŝajne ne tiom en la senco de fotografie memorfiksita programo, eventoj, paroloj: tio ja estas senkompate forviŝata de tempo kaj zorgoj. Temas pri brilaj emocioj, sento de juna gajeco, humuro, entuziasmo, amikado kun bonegaj, talentaj homoj. "Estis tiel bone, tiel interese..." partopreni en ĉiuj aranĝoj de la renkontiĝo, konkursi, babili, diskuti. Tute neatendite dum "Liro-78" mi gajnis en la branĉo de originala kantoteksto: ĝi naskiĝis samjare dun vintra pertrajna veturado el Moskvo. La kanto nomiĝis "La vintra... aŭ la neĝa kanto", la melodio, ŝajne, estis aĉa, iom "hurleska", do mi ĝis nun sentas samtempe honton kaj dankemon al gesamideanoj, kiuj estis tiom delikataj kaj toleremaj. La tiamaj "Liro"-j estis memorindaj ankaŭ pro tio, ke veturis ni tien el Ufa en bona, sufiĉe multnombra kompanio. Ĉiam nin amuzis per siaj ŝercoj kaj frenezaĵoj nia fervora poeto Ljoĉjo Aleksandrov, tiom frue forpasinta. Kiom da pasiaj lingvaj ekzercoj meritis la fama fervojstacio Kisegaĉ! Ne malpli ol la ruza "ĉebarkulo". Tie sur glaciiĝinta Ĉebarkulj vere ni trovis ion, kion eblis nomi barko, kaj fotis nin (sed kie estas tiu foto? Eble iu fotisto reeĥos?). Kaj, ĝenerale, laŭ mi nia "fi-vortaro" estis multe pli bona ol tiu de M.Zadornov (almenaŭ, ĝi neniun ofendis).

Mi memoras, ke la konkursoj kaj koncertoj okazadis en komuna saloneto kun ŝtuparo, kaj tio estis tre oportuna por la spektantoj: multaj ĉion observis desupre (sed ne la ĵurio!). La "Liro-79" estas memorinda ankaŭ pro apero de A.Peĉonkin kaj A.Fomin. Tiam unue sonis "Vilaĝeto ĉe rivero …" kaj "Ĉevalo-balancilo" (laŭ versaĵo de A.Blok).



*"Liro-79": kantas Andrej Peĉonkin kaj Vera Moŝkina*

Estis sufiĉe da tempo por simple promeni: la bela naturo, frosta aero! Ankoraŭ unu bildeto: mallumo, plenstela ĉiel' (ĉu frumateno, ĉu malfrua vespero aŭ tute la nokto) ... Nia grupo, gvidate de B.Kolker, iras tra Ĉebarkulo al Kisegaĉo, gapante la ĉielon kaj diskutante pri nifoj.



*"Liro-79": kantas Viktorija Bugrova kaj Aleksej Fomin*

"Liro-81" signis jam novan ŝtupon en nia historio: kontakto kun ekstera arta mondo. Tiam aperis la gazeta varianto de la novelo "Klubo 'Espero'" de urala verkisto L.Juzefoviĉ, tiam ankoraŭ nemulte konata, sed nun jam fama... Certe, por ni estis multe da strangaĵoj en tiu novelo, do estis planita la disputo kun la aŭtoro (Ljuda Novikova admonis: "mi petas nur, ke Juzefoviĉ restu viva!"). Nu, la disputo okazis, estis sufiĉe interesa, L.Juzefoviĉ prosperas ĝis nun, kaj, finfine, dank' al lia novigita kaj plibonigita novelo ni eĉ havis subitan feliĉon aŭdi iom da Esperanto el TV kaj eĉ spekti niajn karajn V.Aroloviĉ kaj G.Kokolija en DVD-disko.

La frostaj, neĝ-arbaraj, stelnoktaj "Liro"-j, plenaj de kantoj, poezio, humuro, impeto kaj revoj, de trajna bruo, de estontaj multaj kaj longaj vojoj, esperoj, renkontiĝoj... Dankon!

***Nina Cvileneva (Ufa)***

---

# La rezultoj de "Liro-76"

ORIGINALA POEZIO – ne estis prezentita.

TRADUKITA POEZIO
1-a loko: "Fabelo pri Pluvo" de B.Aĥmadulina – tr. L.Novikova (Miass).
2-a loko: "Porinfanaj versaĵoj", aŭtoroj nekonataj – tr. L.Novikova.
3-a loko: "Ĉerko" de M.Ĝalil – tr. el la tatara lingvo F.Faizova (Satka, Ĉeljabinska provinco).

ORIGINALAJ KANTOTEKSTOJ
1-a loko: "Novjara valso" – muziko kaj teksto de N.Cvileneva (Ufa).
2-a loko: "Ĉe la disiĝ'" – E-teksto de A.Aleksandrov (Ufa).
3-a loko: "Post nelonga tempo", "Oriento" – E-tekstoj de L.Novikova.

TRADUKITAJ KANTOTEKSTOJ
1-a loko: "Solvejg" de A.Blok – tr. L.Novikova, muz. de N.Dolganova (Sizranj).
2-a loko: "Maro" – tr. L.Novikova.

3-a loko: “Cindrulino” – tr. A.Aleksandrov.

PLENUMO DE VERSAĴOJ
1-a loko: N.Davidok (Miass) – “Porinfanaj versaĵoj”.
2-a loko: V.Dobridina (Miass) – “Banas sin la luno” de S.Petőfi.
3-a loko: O.Dubinina (Ĉita) – “La monumento” de A.Puŝkin.

PLENUMO DE KANTOJ
1-a loko: N.Kirillova[1] (Jelec, Lipecka provinco) – “Telefono”.
2-a loko: V.Moŝkina[2] (Miass) – “Oriento”.
3-a loko: N.Kirilllova – “Post nelonga tempo”.

SPECIALAJ PREMIOJ:
de la Ĵurio – por la melodio de “Solvejg” – al N.Dolganova;
de la aŭskultantoj – por plenumo de kantoj de S.Jesenin – al V.Moŝkina kaj A.Fomin (Miass).

ĴURIO: V.Andreev (Ĉeljabinsk), V.Dobridina (Miass), B.Kolker (Ufa, foreste).

---

# NOVJARA VALSO

***Muziko kaj teksto de N.Cvileneva***

```
  H7          Em
Dum novjara gel'
 H7      Em
Valsa karusel'
Am              Em
Turnas nin kaj brilkolorojn
 H7      Em
Sur glacia hel'.
```

Brilas la abi'
Kaj ridetas vi.
Estas ni gekonatuloj
Kaj nenio pli.

Logas mond'-miraĝ'
De fabela paĝ',
Kiel antaŭ multaj jaroj
Dum la infanaĝ'.

---

[1] Nun Nataŝa Berce (La red.)
[2] Nun Vera Nevolina (La red.)

Ludos neĝornam'
Pro kandela flam',
Kaj ni kantos duonvoĉe
Pri esper' kaj am'.

---

## *Bella Aĥmadulina*

## FABELO PRI PLUVO

*el kelkaj epizodoj kun dialogoj kaj ĥoro de infanoj*

**1.**

Min akompanis Pluv' tra taga brul'.
– Ho, lasu min! – mi ripetadis krude.
Haltetis li, sed fideleme, trude
denove sekvis, kiel fil'-etul'.

Kiel flugil', gluiĝis Pluv' al spin'.
Riproĉis mi:
– Ho, hontu vi, fiulo!
Larmvokas ĝardenisto vin pro brulo!
Al floroj iru!
Fu, forlasu min!

Varmeg' proksimis tiam al kulmin'.
Pluv' okupiĝis nur pri mia akompano.
Dancetis ĉirkaŭ mi infanoj,
samkiel estus mi akvummaŝin'.

Ruzante, al kafej' mi turnis min
kaj kaŝis min en mallumeco niĉa.
Pluv', kiel almozulo malfeliĉa,
tra l' vitro revis veni al fein'.

Eliris mi, kaj estis la vizaĝ'
punita per la vangofrap' humida,
sed tuj la lipojn per odor' hundida
prilavis Pluv' en tristo kaj kuraĝ'.

Per tuk' malseka kovris kolon mi.
Ridetis ĉiuj pro aspekto mia.
Sur ŝultro sidis Pluv', kiel simio.
Kaj l' urbon tre konfuzis tio ĉi.

Ĝojante (kaptis min melankoli')
Pluvo orelojn miajn tikle lekis.
Densiĝis la sekec'. La tuto sekis.
Ĝis ostoj malsekiĝis sola mi.

**2.**

Sed estis atendata mia ven'
en dom', al kiu mankis nur poeto
kaj kie super lago de pargeto
leviĝis luno – lustro el sukcen'.

Mi pensis: kion faros mi kun Pluv'?
Ĉar li de mi disiĝi ne ekvolos.
Li lasos spurojn sur tapiŝ', petolos.
Post li entute restos nur diluv'.

Severe mi klarigis: – En la kor'
abunda estas bon', sed ne senlima.
Apero via estos nekutima. –
Al mi rigardis Pluvo kun angor'.

– Nu, iru, – cedis mi, – Dio kun vi!
Per kies amo estas vi verŝita?
Aĥ, ĉi klimato stranga, malbenita! –
Ĝojinta Pluv' eksaltis antaŭ mi.

**3.**

Honoris min la mastro de l' komfort'
per afablec' konforma al la lustro.
Malsekiĝinta tamen, kiel lutro,
sonigis je la sesa mi ĉe pord'.

Malkuraĝinta Pluv', kaŝinte sin,
al nuko spiris, povra kaj humila.
Paŝetoj – fenestret' – silento – klak' riglila.
Mi pardonpetis: – Tiu Pluv' – kun mi.

Permesu lasi lin nur al peron'.
Ĝi estas tro humida, longigita
por ĉambroj.
– Ĉu? – eldiris mirigita
la mastro, rigardante kun opon'.

**4.**

Verdire, al mi plaĉis tiu dom'.
En ĝi baletis ĉiam la amuzo.
Kaj ne minacis al kubut' kontuzo,
tranĉil' ne vundis fingron de la hom'.

Jes, ĉio plaĉis: nobla silksusur'
de la mastrin', per skarpo vualita.
Sed pli ol ĉio – la kristalo vitra –
carin', dormanta en polura tur'.

De l' spektro radianta la mister',
kaptita per la ŝranko – ĉerko vitra...
Sed mi vekiĝis. La saluto rita
kantita estis, kiel la oper'.

**5.**

Verdire, la mastrino de la dom'
malamis min (kondutis mi konsterne).
Pro timo nur aspekti nemoderne
kaŝiĝis de la vera sent' simptom'.

– Kiel vi fartas? (Ho, la gak'
humiligita en la gorĝ' fiera!)
– Mi dankas vin, – respondis mi, – en febro
kuŝaĉis mi, kiel porkin' en flak'.

(Ĉi-foje io stranga kaptis min.
Ĉar mi ja volis, min klininte arte,
Eldiri: – Fartas bone, kvankam vante,
des pli ke mi denove vidas vin.)

Ŝi diris:
– Mi insulti volus vin.
Pripensu nur: ĉu ja ne estas krimo?
Talento! Kaj tra pluv'! El tia malproksimo!
Ekkriis ĉiuj:
– Al la fajro ŝin!

– Sed iam, dum alia temp', reĝim',
sur placo, inter bruo de tamburoj
ni renkontiĝus ĉe kondamna muro.
Vi krius tiam:
– En la fajron ŝin!

Pro ĉio: tiam, poste kaj pro Pluv'!
Pro la magio de pupiloj nigraj,
pro lipoj, eligantaj sonojn viglajn,
samkiel kernojn de matura uv'!

Saluton! Saltu min el ergastul',
vi, frato mia fajro, hund' multlanga!
Tenere leku miajn manojn, vangojn.
Vi estas Pluv'! Malsekas via brul'!

– Strangeta estas via monolog', –
la mastro zorge kaŝis la ofendon. –
Sed, tamen, la ĝermaro verda!
En juna gento estas la allog'.

– Ho, ne aŭskultu min! Mi en delir'! –
mi petis. – Tiu Pluvo, la fripono,
min ekzekutis dum la tag', demono.
Jes, mia plago venas nur de li.

Subite mi ekvidis en fenestr':
fidela Pluvo mia plore solis.
Kaj en okuloj miaj feble aŭreolis
du larmoj – lia efemera rest'.

**6.**

Gastino – kolombino dum siest',
dolĉlace rukulanta sur kornico,
demandis min kun hato kaj kaprico:
– Ĉu vere estas riĉa via edz'?

– Ĉu estas riĉa li? Dubinda ver'!
Sed estas riĉa ja laboro lia.
Ĉu volas scii vi? – Mi havas ian
nekuraceblan strebon al mizer'.

Kaj mi instruas l' edzon pri sorĉad' –
el mi elsaltis tiu sinceraĵo! –
li tuj transformos ĉian valoraĵon
al ring' sur akvo, herbo, best' aŭ pad'.

Mi pruvos tion! Donu ringon vi.
Ni savu stelon el malvasta kaĝo! –
Ŝi deflankigis mire la vizaĝon.

La ringon ne ricevis certe mi.

– Kaj estas interesa jen detal’ –
mi strebas ekmortaĉi ĉe barilo...
(La lango jam ekflamis pro babilo.
Ho, Pluv’ min inklinigis al skandal’.)

**7.**

Nu, Pluvo, nu atendu vi, kanajl’!
Gastin’ alia per voĉet’ incita
demandis:
– La naturdotitan
laŭ kiu oni dotas ja kanal’?

Kiel tintilo, febrotremis mi:
– Alvenas Dio, gaja kaj tenera,
iome profesore nemoderna,
aŭreoligas vian frunton li.

Kaj poste flugu supren kaj malsor,
ĝis sango kontuzante la genuojn
per neĝo, per aero, per anguloj,
per hospitala griza koridor’.

Ĉu vi memoras de Beat-Bazil’
kupolon, tiun, akre krenelozan?
Imagu –
per la tut...
– Ho, vi ripozu! –
ŝi interrompis min kun maltrankvil’.

**8.**

Dum tiu tempo por komunplezur’
kreiĝis io nova, sentimenta.
En la gastejon fluis la arĝenta
nubaro de infanoj en aĵur’.

Mastrino kara, vi pardonu min!
Mensogis mi malice, egoiste!
Sur viaj lipoj de vitroblovisto
elspir’ aperis de kristala vitr’.

La ujo, kiun muldis la anim’,
infan’, de via amo saturita!

Fragila Io, zorge konturita!
Pri ĉi miraklo ne supozis mi.

Mastrino kara, via bestgeni',
el ama ard' kreinte la egidon',
super filet', ho, super via ido
per nobla kapo klinas sin al li.

Pluv' tiris min je lip' al ŝia man'.
Mi ploris:
– Vi pardonu min, pardonu!
Vi havas la okulojn de madono!

**9.**

Jen ĥor' infana kantas ĉe pian':
– Nuntempa jen postulo –
humur' allogas nin!
Kunvivis juda ulo –
ĥe-ĥe! – kun la edzin'.

Ŝi zorgis pri afero –
persistis kiel gnom'
kreskigi la moneron
je tuta granda dom'.

Ho, guto de arĝento,
maturiĝinta frukt',
la sun' en firmamento
dum la matena fru'!

Ha, tio estis ŝerco,
nia salut-kantet'!
Kreskigas nin komerca
dudeka la jarcent'.

Ni estas etaj homoj,
kreskantaj en dormej',
samkiel etaj monoj
en ŝtata trezorej'.

Foriĝu ĉiu paŭto –
flugilojn montras ni!
Prujnkovris nian haŭton
de ĝu' alumini'.

Por vivi ne enue,
en belo kaj kontent',
nin tuŝas la ĵuĵuo –
ne propra infanet'.

Ho, estas la pluveco
de la ĉiel' malord'!
Kiĉec' – ne vulgareco,
sed de anim' komfort'.

Ĝi kiel la morfino
nin savas de tortur'.
Ni kisas de l' carino
juprandon el velur'.

**10.**

La ĉambron trapenetris premvarmeg',
ĉirkaŭis pigro, kiel la malsano.
Karesis mi glaseton en la mano,
pepetis ĝia malfermita bek'.

Mastrino, ĉu vi estis en la sven'
ĉe l' bebo, endorminta en liteto,
en lian buŝon, en avidvundeton
ŝovante mamon, plenan de venen'?

Kaj se en li – ovet' el perlamot' –
risorto dormis de muzikaj sonoj,
samkiel ĉielarko en butono
de blanka farb', kaŝita en la grot'?

Kiel en Saĉjo – nevekita Blok?
Ursino, vi por kio insolente
en la ideto per amantaj dentoj
krevigis Dion, kiel pulon dog'?

**11.**

Konjakon al mi verŝis la mastrin':
– Vi febrotremas. Sidu ĉe l' kameno. –
Adiaŭ, Pluv'!
Ĉar estas tia beno
percepti gelon per la langa pint'.

Odoras vino je rozuj' kaj vit'.

La vino sola pri nenio kulpas.
En mi fermentas la vinbera pulpo
kaj flagras inter rozoj du milit'.

Ho, vino, estas via mi tribut',
ligita al du arboj kunklinitaj.
Disŝiru! Kaj ne timu! Gaje splitu,
min disigante kun mi mem, la ekzekut'.

Min pli kaj pli grandigas nobla pent'!
Rigardu, mi jam estas arlekeno,
klinanta sin al via pland' sur sceno.
Malvasta estas jam apartament'.

Ho, Dio mia, kia korbonec'!
Mi amas vin ĝis larmoj en okuloj!
Rapide! Ekgenuu mi, kriplulo!
Kurbigu mian buŝon sinĝenec'.

Vi uzu min en tiu ĉi minut'.
Ofendu! Ne kompatu, ofendante!
Jen haŭto mia – nuda kaj tre granda:
vastaĵo kia por ofenda vund'.

Mi amas vin sen honto kaj sen lim'!
Ĉiele granda estas la kompato.
Brakumu min! Ni ĉiuj estas fratoj!
Fileto mia Pluv'! Rapidu min!

**12.**

Trakuris dorsojn frosto de ozon',
eksonis kri' mastrina el angulo.
Kaj ruĝkoloraj pro rustaĵ' makuloj
subite ekaperis sur plafon'.

Ekfluis Pluv'! Lin kaptis kaserol',
Lin dentkroĉiĝis brosoj, balailoj.
Li liberiĝis, saltis al pupiloj,
ŝirminte ilin per nebula tol'.

Kankane dancis en metala kuv',
sonoris per kvarcvitro viviĝanta.
Sed dom', kiel kaptilo fergrincanta,
muskolojn disŝiradis de la Pluv'.

Pluv', rigardante kun sopiresprim',
rampis al mi, pargeton makulante.
Kaj viroj, pantalonojn detirante,
per kalkanumoj hate batis lin.

Per plankviŝilo oni tordis lin
kaj senakvigis poste en klozeto.
Per voĉo, raŭkiĝinta, malimpeta,
mi kriis:
– Lin ne tuŝu! Batu min!

Li estas viva, kiel la infan'.
Ho, vivu viaj idoj nur en plago!
Por kio ŝovis vin en Pluvan sangon
vi, sakramenton ne scianta man'?

La mastro kun malamo siblis:
– Mi
pagsuferigos vin pro ĉi afero!
Ekridis mi:
– Mi scias, ke suferos.
Mi abomenas. Fu, ellasu min!

**13.**

Timigis la aspekt' de mia plag'.
Mi diris al pasantoj:
–Vi ne haltu!
Trapasos ĉio. –
Sur sekaĵ' asfalta
Mi kisis makuleton de la flak'.

Ruĝiĝis arde nuda ter' sen Pluv',
Samkiel horizontoj de la urbo.
La meteoburoo pro l' perturbo
Prognozis pluvojn por neniam plu.

***traduko de L.Novikova***
***1976, 2006***